# Aŭstraliaj Esperantistoj

## Novaĵletero de ĉiuj Aŭstraliaj Esperantistoj

**RETADRESE AL ĈIU ESPERANTISTO EN AŬSTRALIO KAJ NOVZELANDO**

http://itranslate4.eu/

**PLENUMITA 05/11/2015 Ducentkvardekdua eldono 05/11/2015 SENDITA (unua eldono 20/09/2011)**

**Sendu novaĵojn, leterojn, fotojn, informojn al Roger Springer rogerspringer@tpg.com.au;**

xxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxx



**Redaktoro Roger Springer Provlegita de Franciska Toubale**



**SENDATA AL 315** La informa kaj noma paĝoj reaperos nur en la dekaj eldonoj


## El Ĉinujo 中国武汉 **Roĝer vizitas Ĉinujon ĝis 29a-Novembro -2015**

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

Sendu respondojn novaĵon (eĉ mallongan), bildojn, fotojn al mi rspring@tpg.com.au

**Ĉiuj „Aŭstraliaj Esperantistoj" atingeblas je la suba adreso**

(Ctrl+klaku la veran ligilon) http://aea.esperanto.org.au/australiaj-esperantistoj/?lang=eo

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

Estas pli ol 176,000 lernantoj en la Esperanto-kurso de Duolingo.
https://www.duolingo.com/ (la Esperanto-kurso de Duolingo el de la 28a de Majo 2015)

# 95. LA GRAMATIKO DE ESPERANTO



## Prepozicio aŭ Akuzativo? E. Postskribo 2.

Ni ne konfuzu la ĉi antaŭajn kazojn kun alia fenomeno, tre populara ankaŭ en aliaj aglutinaj lingvoj, ekzemple la germana kaj, kvankam apenaŭ plu, la angla.

Tio estas la kunfandiĝo de prepozicio el prepozitivo kun sia verbo, ekz. "esti ĉe la festo" à "ĉeesti la feston". Alia ekzemplo: "Trakti pri la proponoj" à "Pritrakti la proponojn".

En ĉi tiu kazo oni povas juĝi la rezultan akuzativon, ekz. "la feston" kaj "la

proponojn" kiel AŬ gramatikan objekton AŬ kiel prepozitivon, ja pro forlaso de prepozicio ("ĉe" aŭ "pri"). En etnaj lingvoj oni juĝas tiujn ĉiam objektoj, ekz. "to underwrite a letter", sed ili kutime estas jam malnovaj kreaĵoj.

Proksimnumere la tria postskribo.

Marcel Leereveld.

## Novaĵoj pri la Esperanto-Doma Gastdormejo



★
★
Esperantistoj sendu ĉiujn petojn por resti en la gastdormejo al la Sekretario de la Esperanto Federacio de NSW retmesaĝe al efnsw@tpg.com.au (crl+klaku la veran ligilon)
★
Lyudmila Kelloway 5an de Novembro ĝis 11a de Novembro

Tomiko Otagiri kaj ŝia frato. Ili deziras restadi de la 21a ĝis la 25a de Novembro

Lyudmila (KELLOWAY) alvenos la 09-an kaj foriros la 15-an de Decembro 2015.

## La Esperanta Retradio donas bonan ĉirkaŭ-5-minutan aŭskultadon/legadon ĉiun tagon.



http://esperantaretradio.blogspot.co.at/?view=magazine

Vi bezonas nur 5 minutojn ĉiun tagon por tiu programo. ☺ ★★★



# La Melburna Esperanto-Klubo

**kunvenas ĉiujn Lundojn, 6.30ptm ĝis 8.30ptm**

Ĉe nia klubkunveno de la 26a de Oktobro ni bonvenigis niajn Torquay amikojn Marumi kaj Gary Smith. Dum la kunveno ni iom studis la aglutinan aspekton de nia lingvo.

La ĉeestantoj estis Marcel Leereveld, Peter kaj Joanne Johns, Ken Rolls, Karlo Egger, Tristan O'Leahy, James Douglass, Carol Lutz, Heather Heldzingen, Marumi, Gary kaj nova membro Nick.

Marumi invitis la Melburnanonjn viziti Torquay la 7an de Novembro por renkonti la Torquay-anojn. Ni planas alveni en la mateno por kune maten/tagmanĝi "brunch", kaj poste por promeni aŭ viziti la plaĝon."

Heather Heldzingen



# Torkio Esperanto Kafo Klubo - Viktorio

## VIZITO AL TORQUAY

7an de NOVEMBRO 2015.

Ni esperas ke multaj membroj de nia Melburna klubo povos partopreni en la speciala kunveno de la Torquay Kafo Klubo. Jen estas la detaloj:

Ĝi okazos je Sabato la 7an de Novembro je 10.30 atm

- por maten/tagmanĝi (brunch) je kafejo.
- por poste ĝui kaj pli bone koni la belecon de Torquaj.

Se vi interesiĝas veni al la kunveno vi povos ricevi pliajn informojn el Heather Heldzingen ĉe heather@melburno.org.au aŭ 03 95254295.

Ni esperas renkontiĝi kun multaj el niaj geamikoj.

Heather Heldzingen"

# AEA informas.

Aŭstralia Esperanto-Asocio.

ACN 121 495 789 C/- G.P.O. Box 2122, Melbourne 3001.

## 2015-10-29 AEA raportas:

Nian lastan Skype estrarkunvenon (29/10/2015) ĉeestis:

Heather, Indrani, Joanne, Jonathan, Sandor kaj – parte – Ilia,

*** ESK**

Refoje, ni gratulis Joanne pri la bonega kunmetado de la lasta ESK.

*** VENONTA TRILANDA KOMUNA KONGRESO EN BANDUNG (INDONEZIO)**

**23 – 28 Marto 2016**

Kiom da ĉambroj havas la kongresejo?

Granda salono (kiun oni povas dividi) kaj du aliaj ĉambroj. Do, entute kvar.

Ni diskutis, ĉu valoras starigi AMO seminarion dum la kongreso?

Ni ne atingis klaran decidon. Ilia pensis, ke la lingvokapablo de la lokaj junuloj ne sufiĉas.

*** JARKUNVENO**

okazos la 12-an de Decembro, posttagmeze(4:30pm Melburno), pere de Skype.

Bonvolu sendi vian Skypenomon al Sandor, se vi volas partopreni

Venontaj kunvenoj: 12/11, 26/11, 10/12

Indrani, Joanne, Jonathan, Sandor

# Mi tradukis la 'Subertan kanton de la poemo de Goethe "Heidenr'osslein"

jene el la germana (ankaŭ Zamenhof faris tradukon):

(notu ke " post la silabo signifas dufojan tonon, "' = trifojan tonon).



LA ROZETO.

Knabo vidis ke" ro"zet'
Sur la kampo staras.
Bela, juna la" flo"ret'.
Vive kuras la" kna"bet'.
Ĝo"jas", mi"ras", fla"ras.
Sur la kampo la ro"zet'
Kiel infane"'to.

Diris knab': Elti"ros" mi
Belulinon mian."
Diris flor': "Fori"ru" ci,
Per pikiloj dis"ŝiros mi
Tuj" la" ma"non" ci"an."
Sur la kampo
la ro"zet'
Kiel infane"'to.

La sovagxa knab"' kun ridet'
La rozeton prenis.
Batalante la" flo"ret'
Pikis akre per" pikilet'.
Sed" la" mor"to" ve"nis.
Sur la kampo la ro"zet'
Kiel infane"'to.

Tradukis Marcel Leereveld.

## Dekmilionoj da loĝantoj en unu urbo? Ne problemas!

Por havi urbon taŭgan por esti la tria urbo en Ĉinujo oni devas renovigi la malnovajn kaj nun netaŭgajn konstruaĵojn. Wuhan bezonas mondprestiĝajn parkojn kaj konstruaĵojn por konkurenci kun Ŝanhajo, Honkongo, Beijing ktp modernajn hotelojn, apartamentojn. Wuhan estas malnova urbo kaj ne estas libera areo. Ĝi estas plena de butikoj, domoj, apartamentoj. **Kion fari?**

Oni konstruis novajn grandajn murojn ĉirkaŭ la planitaj plibonigotaj lokoj rekte ĉe la trotuaro kaj interne oni nur rajtas veni al la konstruontaj firmaoj.

Multnombraj muroj ekzistis en Wuhan-loko. Post eble 5 jaroj tiuj enaj konstruaĵoj ne plu ekzistos kaj anstataŭos ilin mondfamaj konstruaĵoj






**3ZZZ** **Ankoraŭ ĉijare la Esperanto-grupo en la radio 3ZZZ sukcesis arigi la petitan sumon kadre de radiotono. La kasisto, Henry Broadbent, anoncis ke ni atingis la sumon de $1181. Tamen ŝajnas ke ne ĉiuj donacoj estas enkalkulitaj en tiu sumo.**

La tuta teamo kore dankas ĉiujn donacintojn pro ilia grava subteno kaj esperas ke multaj el vi gajnos premion. Esperante ke vi longe havos la eblecon ĝui la aŭskultadon de niaj elsendoj,

La kunvokanto de la Esperanto-grupo en 3ZZZ Franciska Toubale

# Esperanto-Domo Sidnejo



Anoj kunvenis la unuan dimanĉon de ĉiu monato 13:00
Aferkunveno antaŭe je 11:00. Poste amuzkunveno kun manĝetoj.

Al la kunveno de dimanĉo la unua de Novembro 2015 venis Gerry Phelan, Ian Wylles, Jonathan Cooper, Dmitry Lushnikov, John Cassey, Nicole Else. plus la membroj, Andrew Spannenberg, Jim Crouch, Steven Garamy, Volo Gueltling
Richard D venis poste por fari filmon kun Dmitry kaj Kam Lee ( Tas.)

***Novaĵservo RET-INFO / Lingvo-Studio*** VIKIPEDIO: KONKURSO / 2015

La uzula grupo **"Esperanto kaj Libera Scio"** organizas konkurson kun la celo popularigi la uzadon de novaj tradukaj helpiloj en la vikipedio. Per valoraj premioj ĝi volas motivi esperantistojn al tradukado de bonkvalitaj alilingvaj vikipediaj artikoloj. Por partopreni konkurson sufiĉos traduki artikolon per "EnhavTradukado" kaj enskribiĝi en la liston de partoprenantoj.

Pliajn detalojn pri la konkurso vi trovos en la paĝo https://eo.wikipedia.org/wiki/Vikipedio:Konkurso/2015

## La Klubaj Kontribuantoj al la Novaĵletero

| Aŭstraliaj Esperanto-Kluboj | 213 | 214 | 215 | 216 | 217 | 218 | 219 | 220 | 221 | 222 | 223 | 224 | 225 | 226 | 227 | 228 | 229 | 230 | 231 | 232 | 233 | 234 | 235 | 236 | 237 | 238 | 239 | 240 | 241 | 242 |
|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|
| AEA informas |  | ■ |  |  |  | ■ |  |  | ■ |  | ■ |  |  |  |  |  |  |  |  |  | ■ |  | ■ |  |  |  |  |  |  | ■ |
| Aliaj Landaj kontribuantoj |  | ■ |  |  |  |  |  |  |  | ■ |  | ■ |  |  | ■ | ■ | ■ |  |  | ■ | ■ | ■ | ■ | ■ |  |  |  | ■ |  |  |
| Brisbana Esperanto-Kafo-Klubo |  | ■ |  | ■ |  |  |  |  |  |  |  |  |  |  |  |  |  |  |  |  |  |  |  |  |  |  |  |  |  |  |
| Brisbana Esperanto-Societo |  |  |  | ■ |  | ■ |  |  |  |  |  |  |  |  |  |  |  | ■ |  |  |  |  |  |  |  | ■ |  |  |  |  |
| Centra-Marborda Esperanto-Klubo |  |  |  |  |  | ■ | ■ |  | ■ |  |  |  |  |  |  |  |  |  |  |  |  |  |  |  |  |  |  |  |  |  |
| Kanbero Esperanto -Kafo-Klubo |  |  |  |  |  |  |  |  |  | ■ |  |  |  |  |  |  |  |  |  |  |  |  |  |  |  |  | ■ |  |  |  |
| Manlia Esperanto-Klubo | ■ |  | ■ |  | ■ |  |  | ■ |  | ■ |  | ■ | ■ | ■ |  | ■ |  | ■ |  |  | ■ |  | ■ |  |  |  |  | ■ | ■ |  |
| Melburna "Meetup" Grupo |  |  |  |  |  |  |  |  |  |  |  |  |  |  |  |  |  |  |  |  |  |  |  |  |  |  |  | ■ | ■ |  |
| Melburna Esperanto-Asocio |  |  |  | ■ |  | ■ | ■ |  | ■ |  | ■ | ■ |  |  |  |  |  |  |  |  |  |  | ■ |  |  |  |  |  |  | ■ |
| N.S.K Esperanto-Federacio | ■ |  | ■ |  | ■ | ■ |  | ■ |  |  |  | ■ |  |  |  | ■ |  | ■ | ■ | ■ | ■ | ■ |  |  | ■ |  |  |  |  |  |
| Noumea Klubo (NovKaledonio) |  |  |  |  |  |  |  |  |  |  |  |  |  |  |  |  |  |  |  |  |  |  |  |  |  |  |  |  |  |  |
| Okcident-Aŭstralio Esperanto-Ligo |  |  |  |  |  |  |  |  |  |  |  |  |  |  |  |  |  |  |  |  |  |  |  |  |  |  |  |  |  |  |
| Sudaŭstralio |  |  |  |  |  |  | ■ | ■ |  |  |  | ■ |  |  |  |  | ■ |  | ■ |  | ■ |  |  | ■ |  | ■ |  | ■ | ■ |  |
| Tasmania Esperanta Societo |  |  |  |  |  |  |  |  |  |  |  |  |  |  |  |  |  |  |  |  |  | ■ |  |  |  |  |  |  |  |  |
| Toowoomba Esperanto-Societo |  | ■ |  | ■ |  |  |  |  |  |  |  |  |  |  |  |  |  |  |  |  |  |  |  |  |  |  |  |  |  |  |
| Torkia Esperanto-Kafo-Klubo |  |  |  |  |  |  |  |  |  |  |  |  |  |  |  |  |  |  |  |  |  |  |  |  |  |  |  |  |  | ■ |
| Viktorio Esperanto-Federacio |  |  |  |  |  |  |  |  |  |  |  |  |  |  |  |  |  |  |  |  |  |  |  |  |  |  |  |  |  |  |
| 3ZZZ Esperanto-programo | ■ | ■ | ■ |  | ■ | ■ |  | ■ | ■ | ■ | ■ | ■ |  |  |  |  |  |  |  |  |  | ■ |  | ■ | ■ | ■ |  | ■ |  |  |
|  | 30 | 29 | 28 | 27 | 26 | 25 | 24 | 23 | 22 | 21 | 20 | 19 | 18 | 17 | 16 | 15 | 14 | 13 | 12 | 11 | 10 | 9 | 8 | 7 | 6 | 5 | 4 | 3 | 2 | 1 |

**"Informu AE, se estas eraro en la listo" rspring@tpg.com.au**

**Eĉ mallonga raporto kaj foto informas ke via klubo ekzistas**